28-A JARO

# LA VERDA LUPEO




27(106) INFORMILO DE ELF - AREK Sept. 96

Offizielles Organ der ArGe ESPERANTO im VPhA

## XIII. UK PRAGO 1921






PRAHA: Kongresejo sur la insulo Žofín.

*Koregan saluton de la XIIIa Universala Kongreso de Esperanto sendas al Vi:*




O. Vogel

Lübeck





Zamenhof-Denkmal in Franzensbad.
Monumento de Dro Zamenhof en Franzensbad.



Zur Erinnerung [illegible] erantokongreß in Pr[illegible] 1921

Al rememoro al la XIIIa Universala Kongreso de Esperanto en Prago 31./7.-6./8. 1921

## ANTAŬ 75 JAROJ

# Stampoj

## POLLANDO









S-ro
Richard Hirsch
Lambertstr. 12
D-36251 Bad Hersfeld

Nia pola kolektamiko *Stanislaw Mandrak* (PL) informas pri la speciala poŝtstampo, uzita okaze de la 28-a Pola Nacia Kongreso en Gliwice kaj samtempa 35-a jariĝo de la filio de Pola Esperanto-Asocio. La kongreso okazis de la 13-a - 18 07 1996.

## VENEZUELO




Nia kolektamiko *Prof. Juan Eduardo Bachrich* informas :

" ... *ESPERANTLINGVA OFICIALA POŜTSTAMPO EN VENEZUELO:*

*La venezuela poŝto uzis poŝtstampon kun E-stelo kaj Esperanta kaj hispanlingva teksto:*

*VII TUTLANDA ESPERANTO RENKONTIĜO*
*22-24 DE JUNIO 1996*
*CARACAS - VENEZUELA*

Tiu poŝtstampo estas la dua en la historio de la venezuela poŝto pri Esperanto. Ĝi estas ankaŭ la unua, kiu havas E-tekston. Ĝi estas uzata en la tri ĉefaj poŝtoficejoj de la venezuela ĉefurbo dum du semajnoj.

KoleKtantoj povas mendi la poŝtstampon sur koverto aŭ poŝtkarton por 3 usonaj $ por unu stampo kaj por 2 usonaj $ por la plia ce:

*Venezuela Esperanto - Asocio*
*Apartado 47675, CARACAS 1041 A*

Pagoj ankaŭ eblas al la UEA-konto: veaa-j..."

Supozeble temas pri memoriga apudstampo, car mankas la tago de la uzo. Pri la tempo de la uzado kaj pri la diversaj poŝtoficejoj mankas la informoj. Tio vIdebluŝ per nuliga datstampo. S-ano Bachrich nur informis per stampo-kopio.

REKO - SLIPO

La poŝtoficejo de *Strážnice*, loĝloko de nia kolektamiko *Hasala*, uzis

specialan reko-slipon kun la surprezo de la UK en Praha. Eldonkvanto: 5 000 ekzempleroj.




# E-POŜTMARKOJ

*La "koro" de la SAT-kongresa poŝtmarko 1926*

La ovalo en la centro de tiu E-poŝtmarko havas 4 elementojn:




- *la simbolon "martelo kaj falĉilo*
- *bildon de "monumento de libereco"*
- *la mallongigon SAT*
- *ĉirkaŭ la ovalo du liniojn kun morsaj signoj*

Tiuj morsaj signoj estas en la rusa kaj Esperanta lingvoj. Temas pri la slogano:

*PROLETAROJ CHIULANDAJ UNUIGHU*

En mia kolekto troviĝas E-PK, skribita de la desegnisto de tiu poŝtmarko, s-ro *Kudrjancev*, kun la dato: 10 07 1926. En ĝi li informas pri la baldaŭa apero de la kongresa E-PM.



CARTE POSTALE
ПОЧТОВАЯ КАРТОЧКА * POŜTA KARTO

10/VII. 26.
Moskvo,
Ilinka 6, komerca

Al s-do
Kurt Reichert,
Hendrichstr. 14, ptr.,
Klotzsche b. Dresden.
/ Germanio /
Германия.

Kareja amiko Kurt!
Mi revenis Moskvon kaj jam komencis servi. Mi atendas leteron de Vi. Mi trepetas Vin sendi artikolojn priokazintajoj de Via lando kaj Via urbo.
Mi estus tre dankema al Vi, se povus sendi al mi komunistan ĵurnalon de Germanio. Vi skribu kio vi deziras ricevi de mi.
Post kelkaj da tagoj oni vendos poŝtmarkoj eldonita laŭ mia pentraĵo kun rusa kaj paralela esperanta surskribo.
La poŝtmarko eldonas rilate internacian esperantkongreson SAT en Leningrad (Aŭgust 1926).
Ĉu alvenuros ie por la kongreso el Via urbo? Vi skribu.
kun salut[illegible]
I. Kudrjancev.

## NI PRI NI



### GERMANUJO

En nia LVL 26(105) ni jam mallonge raportis pri nia kunveno dum la Germana E- Kongreso Pentekosto 1996 en Augsburg. Tie informis nia sekretario, kolektamiko *Richard Hirsch*, pri la rezulto de la skriba voĉdonado pri la nova prezidanto, kolektamiko *Hermann Heiss* (Germanio). Post la limdato de la resendo de la vocdoniloj, 15 04 1996, venis de transmaraj landoj ankoraŭ 10 voĉdoniloj. Do, entute estis resenditaj 58 voĉdoniloj. Tio estas iom pli ol la duono de niaj membroj.

Ekestis la demando eble disdoni membrokartojn por ELF-AREK. Ni decidis forŝovi tiun punkton al unu el la venontaj ELF-AREK-kunsidoj. Laŭ la novaj kondicoj de la germana poŝto nia sekretario bezonis novan valorstampilon por la afrankmaŝino. Ĝi kostis entute pli ol DM 800,--. Dum la kunsido ni decidis kontribui DM 250,-- kiel parta pago de ELF-AREK.

### FRANCIO

En Orly (F) ekpoziciis nia kolektamiko *Sadier* E-filatelaĵojn kaj alia samideano E-poŝtkartojn kaj aliajn Esperantaĵojn. Je la fino de la kunsido estis interŝanĝo de diversaj materialoj.

## 81-a UK en PRAGO

Sabato la 20an de julio nia ELF-AREK estis dum la komitatkunsido de UEA akceptita kiel aliĝinta asocio. Kiel komitatano A la komitato elektis nian sekretarion *Richard Hirsch*.

La kunveno de ELF-AREK dum la UK en Prago okazis ĵaŭdon la 25an de julio en kongresa salono. Ĉeestis 24 ge-Esperantistoj el 13 landoj kaj inter ili 10 nemembroj de ELF-AREK. Niaj ĉeĥaj kolektamikoj *Kočvara* (Prezidanto de LKK) kaj *Hasala* (estro de la UK-poŝtoficejo) ne povis partopreni. Ankaŭ partoprenis tiun kunsidon nia redaktoro de LVL kolektamiko *Rudi Burmeister*.
La vicprezidanto *Lech Kosieniak* (PL) malfermis la kunsidon kaj honore memoris al nia forpasinta prezidanto *Ivar Paulsson* kaj nia membro *Istvan Fekete* (H).

Ĉina membro letere proponis alelekti duan vicprezidanton kiel reprezentanto por Orient-Azio. La asocio decidis, serĉi kaj elekti komisiiton por tiu mondparto. .

En la tagordo ankaŭ staris la punkto: *filatelaj vortaroj.* Post mallonga diskuto nia kasisto kolektamiko *Rolf Beau* pretis transpreni la taskon prepari tiun nepre necesan fakan vortaron. Por tiu laboro nepre necesas kunlaborantoj el alilingvaj landoj.Interesitoj anoncu sin ĉe s-ano *Beau*. Nia sekretario *Richard Hirsch* atentigis, ke li preskaŭ finis la preparlaborojn por du novaj katalog-partoj:*bildparto de la glm-katalogo de la komenco ĝis la fino de 1986* kaj *katalogo laŭ temoj.* Tiu lasta katalogparto enhavas ĉion, kiu estis uzita aŭ eldonita por ĉiu kongreso, aranĝo ktp. Kiam tiuj katalogpartoj estos prespretaj, li ankoraŭ ne povis diri.

Nia kolektamiko *Hirsch* ankaŭ informis pri aŭkciaj ofertprezoj por diversaj E-filatelaĵoj.





81-a Universala Kongreso de Esperanto
Prago 20.-27.7.1996

La kolektamikoj *Mandrak (PL)* kaj *Amadei (I)* prezentis novajn poŝtajn stampojn por iliaj Naciaj Kongresoj. Por la pola Nacia Kongreso estis ankau eldonita bildpoŝtkarto. Por la UK en Prago estis uzita la afrankstampoj de Strážnice (CZ) kun nacilingva kaj esperantlingva varbkliŝoj. Krome estis eldonita por tiu UK 3 telefonkartoj kun la mencio de tiu kongreso por 100, 150 kaj 200 Kronoj. Krome uzis la kongresa poŝtoficejo specialan stampon por tiu UK.

Dum la fina parto de la kunveno estis interŝanĝado de E-filatelaĵoj kaj Esperantaĵoj.

## MORTIS



Nia fidela, kara kaj altestimata kolektamiko, samideano

I S T V A N (JOHANO) F E K E T E

mortis post longa malsano la 25an de majo 1996 en sia 82-a vivojaro. Lia cindro trovis ripozon sur la tombejo de Sankta Stefano Baziliko en Budapeŝto je la 17a de junio 1996.

Tiun ĉi malgajan informon mi ricevis hungarlingve de d-rino Zsusanna FEKETE, Törökvesz 70/A, H-1025 Budapest.

Nia Johano FEKETE estis ekde de la fondiĝo de nia ELF-AREK nia membro kaj ĉiam fidele kaj akurate informis nin pri novaĵoj en sia amata lando Hungario.

Al la familianoj de nia karmemora kolektamiko FEKETE ni sendas nian sinceran kondolecon.

Herman Heiss (prezidanto de ELF-AREK)
Rudolf Burmeister (redaktoro)
kaj ĉiuj liaj geamikoj de ELF-AREK

## El la historio de la E-filatelio

Nia kolektamiko DARBELLAY (D) antaŭ nelonge ricevis de s-ro Gustav Kühlmann plurajn numerojn de la gazeto: *TRA LA FILATELIO* el la jaroj 1909 kaj 1910. Tiu filatela gazeto verŝajne la unuanfojon aperis 1899 kaj origine nomigis *L'ANNONCE PHILATELIQUE.* Ekde de 1908 ĝi ricevis la nomon: *TRA LA FILATELIO*, organo de *UNIVERSALA ASOCIO FILATELIA ESPERANTISTA* fondita 1908 en Beziers (Francujo). Direktoro estis *J.Fize, Beziers*, redaktorino s-anino Jeanne *Flourens* (1871-1928), siatempe konata sub la pseudonimo: *ROKSANO.* Ambaŭ estis *"Honoraj Membroj"* de la *Vagabonda Klubo Esperantista*, fondita 1906. Ĝi estis asocio de E-istaj pentristoj, literaturistoj kaj aliaj artistoj. *ROKSANO* verkis multajn artikolojn ekde 1905 por la E-revuo *TRA LA MONDO.*

En tiu gazeto aperis tre multaj anoncoj de E-istoj, kiuj serĉis interŝanĝon de pm kaj poŝtkartoj. Notoj pri esperantaĵoj ne estis troveblaj. Dum tiu tempo abundis jam E-sigelmarkoj kaj E-bildkartoj. Ankaŭ s-ro Kazimierz Bein *(KABE)*, unu el la siatempaj famaj Esperantistoj estis inter tiuj, kiuj serĉis markojn kaj poŝtkartojn.

# EL LA HISTORIO DE LA E-FILATELIO

(11e Année) (11a Jaro) Novembre 1910 No 119

★ TRA LA FILATELIO ★

# L'ANNONCE PHILATÉLIQUE

INTERNACIA KAJ ĈIUMONATA ĴURNALO POR KOLEKTANTOJ DE POŜTMARKOJ KAJ POŜTKARTOJ ILUSTRITAJ — JOURNAL INTERNATIONAL MENSUEL DES COLLECTIONNEURS DE TIMBRES ET CARTES ILLUSTRÉES



Oficiala organo (Organe officiel): Société Philatélique de l'Est à Troyes (S. P. E.). Union Philatélique Internationale (U. P. I.). Société Philatélique de Gascogne (S. P. G.) Universala Asocio Filatelia Esperantista U. A. F. E. (Béziers).

ABONOJ KUN PREMIOJ (ABONNEMENTS AVEC PRIMES)

2 FRs (0.80 $) jare (par an)

En ĉiuj landoj (Tous pays)

Unu no (Le no) 10 centimoj (centimes)

ANONCOJ — (ANNONCES)

| | |
|---|---|
| 1 page (1 page) . . . | 25 » |
| 1/2 — (1/2 —) . . . | 13 » |
| 1/4 — (1/4 —) . . . | 7 » |
| 1/8 — (1/8 —) . . . | 4 » |

La linio (La ligne) 0.15

Rabato por ripetaj anoncoj (Rabais p. annonces répétées)

Oni devas antaue pagi la anoncojn kaj abonojn.




OFICEJO DE LA ĴURNALO (BUREAU DU JOURNAL):

TROYES-FRANCE

*Directeur:* Verdy, Philatéliste, TROYES.
*Direktoro:* 164, Rue Thiers,

KUNLABORANTOJ (COLLABORATEURS):

V. Flandrin, St-Martin, G. d'Ervy, Mestral, Ellivedpac, Gasnier, Filigrane, etc., etc.

KUNLABORANTOJ ESPERANTISTOJ:

Finoj C. Oxenford el Anglujo, Od. Prudent M. Barbin, H. Bertholle el Francujo, M. Kutilkova el Plzen, Sroj Kabe el Varsovio, D. H. Lambert el Londono, Ch. Brunet el Bordeaux, Carles Beziersa konsulo, A. Theis el Boulogne, A. de Souza, A. Rabello el Rio de Janeiro, K. Muller el Hungarujo, Booth el Melbourne, A. W. Lawson el Londono, Fervorulo el Rusujo, A. Vasiljev el Voronej (Rusujo), J. Schwarz el Bosnio, J. C. Snape el Bedford, I. H. Krestanof el Bulgarujo, Elb el Kotzschenbroda, X. Kutilek el Plzen, R. Riedl el Vienne, Knapski el Zgiez, N. Ĥoĥlov el Moskvo, N. Nolan el Ohio, A. Borisov el Manĝurio.

*AGENTOJ DE LA ĴURNALO — AGENTS DU JOURNAL :*

PARIS. — * Presa Esperantista Societo, 33, Rue Lacépède.
do — * Librairie de l'Esperanto, 15, Rue Montmartre.
TOURS. — R. Ollard, 35, Rue de Beaujardin.
MARSEILLE. — * L. Blanc, 6, Place du Lycée.
MOULINS s/Allier. — * Génermont, 11. Sq. de la République.
BRUXELLES. — * V. Furminieux, 78, Rue Steyls.
BRUXELLES. — F. Borremans, 45, Rue Hobbéma.
ANVERS. — * G. Devos, 69, Bd Léopold.
GENÈVE. — * Universala Esperanta Librejo, R. de la Bourse.
LIVERPOOL. — J. G. Baxter, 29, Wellfjeld road.
LONDRES. — * British Esperanto Asocio, Museum Station Buildings, 133-6, High Ho born.
VIENNE (Autriche). — * K. F. Ahlgrimm, 31, Bandgasse.
PLZEN (Autriche). — * So Kutilek Xavier, imposta kontrolisto.
BUDAPEST. — * F. Geiger Dob-u. 19 I. 18.
SARAJEVO (Bosnie). — * J. Schwarz.
PLEVNA (Bulgarie). — * I. H. Krestanof Sciencamanto, poste restante.
ARADEC-KRALOVÉ (Autriche). — * So Josef Polak.
BERLIN. — N. W. 52 * Internacia Societo de l'Esperantistoj, Luneburgestr. 30.
MADRID. — * A. Romo, Libreria Internacional, Alcala, 5
MURCIE (Espagne). — * Manuel Benavente.
UTIEL (Espagne). — * J. Chocomeli.
BOLOGNE (Italie). — * A. Tellini, Casella Postale, 12.
ASTI (Italie). — A. Martignone, R. Milliavacca, 1.
MOSCOU. — * Libreldonejo « Esperanto » Valovaja ul Dum Serpuhovskogo, Mon. Kv. 5.
St PETERSBOURG. — * So S. Petrov, B. Samsonjewsky, 35, K. 35.
VARSOVIE. — * So M. Arct, Nowy-Swiat, 53.
ZGIERS (Pologne). — * So Knapski.
VORONEJ (Russie). — * So A. Vasiljev, esperanto oficejo.
St-MARIN (Italie). — Settimio Nicolini (Borgo Maggiore).
COPENHAGUE. — * Esperanto Oficejo, Kr. Bernikowsgade, 1.
ROSKILDE (Danemark). — E. Barclay.
TOKIO. — * So Hikosoka, 33, Abekawa Machi, Asakura.
BUCAREST. — * So J. Ginglea, str. Elefterie, 4.
CLEVELAND (U. S. A.) — * So J. H. Vich, P. O. Box, 184.
JETPUR (Indes). — * So Parekh Brothers Jetpur, Bathiarvad.
SANTIAGO de CHILE. — * So L. Sepulveda Cuadra, Casilla, 1679
BUENOS AIRES. — * So Gerardo Muinos, Casilla, 737.
AIDIN (Turquie d'Asie). — * So J. Guéron, instruisto.
JANINA (Turquie). — Dem. Th. Panoussès.
CANDIE (Crète). — G. N. Zouridès.
* (Agentoj esperantistoj).
BANGKOK (Siam) W. WE. C. TEAN Rajanougse Road.

## EL LA HISTORIO DE LA E-FILATELIO


1ª JARO. 20 MARTO 1909. Nº 10.

TRA LA FILATELIO

INTERNACIA MONATA ORGANO DE ĈIUJ KOLEKTISTOJ DE POŜTMARKOJ KAJ POŜTKARTOJ

Oficiala organo de la Universala Asocio Filatelia Esperantista.

Oficiala organo de la Esperantaj Kolektantoj de l' Mundo el Usono.

La 8an kaj 9an de aŭgusto 1905 dum nia 1-a UK en Boulogne-sur-Mer (F) okazis kunsidoj. En ili traktis s-ro Duchochois la problemon akcepti Esperanton en poŝtaj kaj telegrafaj oficejoj pri "poŝtmarkoj internaciaj" (verŝajne E-glm? RB) kaj pri signo Esperantista. Filatelistoj kaj kolektistoj(-antoj) kunvenis dum la 2-a UK en Geneve (CH) kaj dum la 3-a UK en Cambridge (GB) (el la "Historio de Esperanto" de Zakrzewski, eldonita de Pola Esperanto Asocio 1979).

Mi ankaŭ trovis la informon: 1908 estis fondita E-Filatelista Asocio kun informilo en Dresden, antaŭ la 4-a UK en tiu urbo.

Tiuj estas miaj suprajaj informoj el tiuj gazetoj pri la filatelaj agadoj antaŭ la I-a mondmilito.

(La informoj pri personoj estas grandparte el la *Enciklopedio de Esperanto (EdE)*.

Rudolf Burmeister

## ĈEĤIO




## Stampoj

Por la 81-a UK en Prago estis uzita speciala poŝta stampo, kiu estis uzita de la 20 07 - 27 07 1998. Desegnita de *Karel Kuca*.
En la kongresa poŝtoficejo deĵoris nia membro, kolektamiko *Vladislav Hasala* kun helpanto. Ĉiam staris ĉe la giĉeto longaj vicoj por akiri tiun stampon.

## ITALUJO

Nia kolektamiko *Mario Amadei* el Bologna (I) informis nin, ke por la 65-a Nacia Itala Kongreso en Ferrara je 26-an ĝis 30-a de aŭgusto 1996 li pretigis specialan poŝtstampon.
La bildo de la stampo montras la antikvan kastelon *"Estense"* el la XIV-XVI-aj jarcentoj.



# AFRANKSTAMPOJ

*Nia kolektamiko HASALA pri "forgesita" AF*

En letero al mi li interalie skribis:

*"...Ĝis nun mi ne rimarkis informon pri mia unusola produkto 1995, la afrank-maŝinstampo (AF) CZ 1/95, kiun oni ĉi tie uzadis dum decembro 1995 okaze de la 50-jariĝo de la Filatela Klubo en la distrikt-urbo* HODONIN, *kie mi filatele aktivas. Mi aldonas specimenon..."*








Kara amiko Hasala: Via informo pri tiu stampo atingis min nur per via letero de 04 06 1996. Tial ni ankaŭ viaj novaj AF-kliŝoj ni nur povas publikigi en la septembra numero de LVL---tre bedaŭrinde.

*AF-kliŝoj okaze de la 81-a UK en Prago (20 - 27 07 1996)*

Nia *Hasala* iniciatis pliajn filatelaĵojn okaze de la 81-a UK:

-Afrankstampo CZ 1/96
(numero de la Hasala-listo
Strážnice -1. 2.96
teksto en la ĉeĥa lingvo















-Afrankstampo CZ 2/96
(Hasala-listo)
Strážnice -1. 7.96
teksto en Esperanto

Koran dankon pro la informoj al nia HASALA.

La estro de la germana filatela laborgrupo IPA (Internacia Policista Asocio) atentigas pri afrankstampo de la IPA-grupo en Rosenheim (D), jam uzita en 1990. La sloganon (Servo per Amikeco) en la emblemo oni nur preskaŭ povas legi. Mi tamen katalogos ĝin en la suplemento 1997. Dankon pro la informo.







# TUTAĴOJ

*Detaloj pri la TUT-BPK de Dancigo 1927*

Nia kolektamiko *Amouroux* informas: "... La "Internacia Komitato de Esperanto-Movado" en Geneve (CH) aperigis 1927 en sia *"Esperantista Dokumentaro"* pri la 19-a UK en Dancig jenajn notojn (pago 50):

> *"Poŝto: Post la persona kaj modela interveno de nia sekretario,* Andreo Cseh, *kaj en kunlaboro de la LKK kun la posta administracio de Dancigo aperigis 22 pk-oj.*

Pri la dentumitaj TUT-BPK de Dancigo aperis ankaŭ tre detala studo de iu ne-Esperantista Belgo, franclingve, en franca Filatela Gazeto, La suba kaj supra aldonaj 2 cm-aj randoj faciligas la tajpadon sur la kartoj. Post skribado oni forŝiris la dentumitajn randojn. Mi posedas unu el tiuj dentumitaj pk kun normala datstampo de 2-a de junio 1927 kun informoj de LKK kaj subskriboj de s-roj Altermann kaj Cseh.

Eble ne jam funkciis nia E-varbstampo. Mi vidis stampon kun la plej frua dato de 13-a de junio 1927.

Ni kore dankas al nia AMOUROUX pro la senditaj informoj kaj kopioj. Ni ja nun ekscias, ke la TÚT-BPK jam ekzistis ek de 1.6.1927 kaj ilin iniciatis E-istoj, i.a. la famkonata Andreo CSEH.

Rimarko de HIRSCH: La germanaj TUT-katalogoj kaj de MICHEL kaj de BOREK ne mencias la daton de la eldono, sed nur la monaton: *julio.* la rando ne estas 2 cm, sed nur 11 - 12 mm laŭ la katalogo kaj ankaŭ mezurinte orginan pk kun la randoj.



# Historio de la E-glm

*"E-poŝtmarko" proponita 1905*

------------------------------

Dum majo 1996 mi sidis dum tri tagoj en la hejmo de s-ano *D. Blanke*, altestimata amiko de mi, por foliumi en malnovaj E-gazetoj. Hazarde mi trovis en la numero 2 (1905) de la *"Germana Esperantisto"*, aperinte antaŭ la 1-a UK en Boulogne sur Mer (F), jenan interesan artikolon sur la paĝo 16:

**Esperanta poŝtmarko.** Okaze de la Boulogn'a Kongreso, Dro Mybs en Altona faras sekvantan proponon: Certe tre taŭga kaj plie profitdona propagandilo por Esperanto estus la eldonado de esperanta marko. En diversaj landoj oni eldonis specialajn markojn por bonfaraj aŭ aliaj celoj, kiuj havis grandegan sukceson kaj rapide — eĉ por altaj prezoj — disvendiĝis, kvankam ili ne estis oficialaj markoj de la registaroj nek havis poŝtan valoron. Tamen pro ilia specialeco mem kaj ilia artoplena fariteco ili vekigis intereson de la publiko kaj de kolektistoj. Por ke la marko havu certan sukceson, ĝi nepre devos plenumi la sekvantajn kondiĉojn: esti tre bongusta kaj artoplene farita, surhavi malmultajn skribaĵojn por ke ĝi vekigu scivolon, vendiĝi malkare.

Dro Mybs sendis al ni projekton vere beletan de tia marko; ĝi estas iomete pli malgranda ol kutimaj poŝtmarkoj kaj prezentas sur nigra kampo verdan kaj blankan stelon kaj en ruĝaj literoj supre Esperanto kaj malsupre L. internacia.

La propono de Dro Mybs ŝajnas al ni tre bona kaj ni rekomendas ĝin al la atento de la organizantoj de la Kongreso kaj de niaj kunfrataj ĵurnaloj esperantistaj.



D-ro Möbusz   D-ro Mybs

En la kadro de la UK en Boulogne okazis kunsido, en kiu estis priparolata ankaŭ tiu ĉi propono, apud aliaj temoj, ekz. pri la E-a insigno. Kompreneble ne temis pri *poŝtmarko*, sed pri propaganda E-glumarko (siatempe: *sigelmarko)*.

EdE pri *d-ro Eduard Mybs* (* 30 12 1858 - + 04 06 1923). Li vivis en Altona apud Hamburg. Li estis vicprezidanto de la 1-a UK en Boulogne kaj de la *"Akademio de Esperanto"*. Krome li estis prezidanto de la 4-a UK 1908 en Dresden (D) (16 - 22 08). Li ankaŭ estis fondinto de la Germana Esperanto-Asocio (GEA) (fondita 1906) kaj ĝia prezidanto dum multaj jaroj, same de la unua E-grupo de Hamburg-Altona kaj de la Nordalbinga E-Ligo.

# HISTORIO DE LA E-GLUMARKOJ

Lastatempe nia AMOUROUX sendis plurajn kopiojn de malnovaj BPK kaj inter ili du, senditaj de s-ro MÖBUSZ. Sur unu li skribis pri eldono de glm-katalogo (1912) kaj en la alia pri variaĵo de la reliefaj Zamenhof-glm de KOCOUREK (1913). Maldekstre fotokopio de la PK pri la glm-katalogo, sendita dum aŭgusto 1912 al Parizo.

Per alia PK (bildo sube), sendita dum oktobro 1913, MÖBUSZ mendis variaĵojn de reliefaj sigelmarkoj kun portreto de Zamenhof.

LUBEKA ESPERANTO-SOCIETO.


:: OFICIALA GRUPO DE LA ::
GERMANA ESPERANTO-ASOCIO.


OFICEJO: LIBREJO R. QUITZOW, BREITESTR. 97.

Tre estimata sinjoro, mi petas, sendu al mi je miaj kostoj el ĉiuj Esperant. sigelmarkoj, almenaŭ aŭ vendotaj de vi 200 pecojn. Atendas kalkulon.
Mi preparas katalogon pri Esp. markoj kaj tial mi estus tre dankema al vi, se vi ankaŭ bonvolus doni al mi kelkajn klarigojn pri ekzemplo, precize, je nombro kaj prezo de ĉiu speco.
Atendante ankaŭ la jenon de eldono.
Atendante vian afablan respondon mi salutas vin amikeme

Poŝtkarto




Al
Presa Esperantista Societo




Sendinto:
Dr. A. Möbusz, Lübeck
Falkenstraße 12.

Tre estimata sinjoro, inter la de vi senditaj specimenoj de la Zamenhof-markoj (eld. de Kocourek, Wien) mi ĝis nun trovas kaj konstatas kelkajn diferencojn. Ekzistas nome 2 diversaj specoj: „Aŭtoro" kaj Aŭtoro (la ŭ kun kaj sen ~~koko~~ supersigno). De Kocourek mi ricevis sen supersigno nur: oran, verdan-arĝentan, verdan-oran kaj ruĝan-rozkoloran markojn. La ceteraj al mi mankas. Do mi mendas de vi po 100 de ĉiuj aliaj „Aŭtoro"-markoj. Estas la jenaj: verda sur blanka, verda, flava, rozkolora;
ruĝa " " " " ; ~~roz~~
blua " " " violkolora.

Altestime
D. Möbusz

Lübeck, 5.X.13.

En EdE, sur pago 491, troveblas artikolo de J. TAKACS pri "*sigelmarkoj*" kaj en ĝi la informo: "...*En "Germana E-isto, 1912 aŭgusto-decembro,*

## HISTORIO DE LA E-GLUMARKOJ

*"Normanda Stelo", 1913-1914 kaj en la "E-Kolektanto" aperis parteto de la katalogo pri glumarkoj. D-ro MÖBUSZ akiris tie tre multan meriton."*

Biografieto: MÖBUSZ. Albin Friedrich Richard, d-ro, (ps.Amo), naskita 8. jan 1871 (Germano). Iam Volapukisto. E-isto depost 1901. Fondis E-grupojn en norda Germanujo, i.a en Kiel. (Mi supozas 1902 en Kiel, sed ŝajne forgesita fakto R.B.) Prezidanto de *Germana Esperanto-Asocio* kaj de E-grupoj kaj regionaj E-Asocioj.







Bildoj de la reljefaj Zamenhof-glm: la maldekstra estas kun supersigno sur la "ŭ" de "AŬTORO":

**El Liono (Lyon) (F)**

En nia LVL 26(105) (junio 1996) mi menciis glumarkojn de Liono (F), eldonitaj de la estrino de la Liona E-oficejo, *s-ino Alice Farges.* Intertempe mi trovis 2 aliajn E-glm de tie:




-Sigelmarko kun reklamo de la E-oficejo en Liono kun la bildo de s-ino Alice Farges




E-propaganda marko, germanlingva, kun la teksto: *"Poŝtoficistoj - Lernu Esperanton"*

Krome mi trovis en prospekto de la *E-Muzeo* en Vieno kopion pri tre bela afiŝo de la "LYONA INTERNACIA FOIRO".

...Afiŝoj...neniam ni, aŭ nia antaŭuloj dediĉis atenton al ili. kvankam ili nepre tion meritas. Ekzistas tre multaj pri foiroj, E-kongresoj, E-aranĝoj kaj varbafiŝoj. Eble ankaŭ pri aliaj E-eventoj. Ĉu ekzistas ko-

## El Liono (Lyon) (F)



Plakat für die Lyoner Messe 1930

lektantoj de afiŝoj, ne estas konata gis nun. Kie ili estas?

Mi posedas afiŝon de 1929 de la SAT-kongreso en Leipzig kaj afiŝon, kiu propagandas Esperanton al la germanlingvaj laboristoj.

Estas verŝajne malfacile kolekti la afiŝojn, grandparte ili estas tre grandaj.

Rekomendinde estas, sendu la afiŝojn aŭ al la E-Muzeo en Vieno aŭ, se temas pri SAT-afiŝoj, al Dortmund (D) al la:
*laboristkultura "Hüser-Instituto"*

Rimarko de R. Hirsch:
Se ekzistas ie kolektantoj de afiŝoj. ili bv. anoncu sin ĉe kolektamiko Burmeister aŭ ĉe mi.

## *1-a Hansa Esperanto-Tago en Nordgermanio*

GLUMARKOJ

Esperanto-Tago
1a Hansa
1996.04.19-21
Ratzeburg/Germanio

Ĝi okazis en Ratzeburg 1996.04.19-21, 30x29 (desegnaĵo), memglua, ni sur blanka , veloŝipo kaj fiŝo

*Klarigoj:* Temas pri renkontiĝo de Esperantistoj, loĝantaj ĉirkaŭ la Balta Maro. En ĝia kadro ankaŭ okazis la jarĉefkunveno de la Dana Esperanto-Asocio kaj la jarĉefkunveno de germanaj federacilandaj E-asocioj de Ŝlesvig-Holstinio kaj Meklenburgio-Antaŭpomerio. Prezidanto de la LKK estis nia membro Christian DARBELLAY, kiu modele organizis tiun aranĝon kaj same modele informis nin. Partoprenis tie 86 gesamideanoj el pluraj landoj.

*K O N K U R S O*

Bezonata estas simbolo por la baltmara kunlaboro kaj la venontaj Hansa Esperanto-Tagoj. Ne nepre devas esti prespreta desegnaĵo, ĉar ni prizorgos profesinivelan prilaboron. La akceptota simbolo ricevos premion de DM 100,--. Limdato estas: 30-a de septembro 1996.
Proponojn bv. sendu al:
Christian Darbellay, Kaiserstr. 43, DE-24143 KIEL (Germanio)

## *48-A IFEF-KONGRESO EN DEN HAAG (NL) 11-18 majo 1996*

Nia AMOUROUX sendis ekzempleron. La glumarko montras sur landkarta eltranĉaĵo la situon de DEN HAAG, krome la IFEF-insignon.
Koloroj: nigra, griza kaj blua sur blanka, grandeco: 60x30






*47-A NACIA BULGARA ESPERANTO-KONGRESO PAZARĜIK 6.-8. 09.1996*

Pazarĝik situas inter SOFIA kaj PLOVDIV. En tiu urbo, kun multaj esperantistoj, okazas la ĉi-jara bulgara Nacia Kongreso, spite al la tre malbona ekonomia situacio en tiu lando. Partoprenos oficialaj delegitoj, elektitaj de la lokaj kluboj, 3 delegitoj po 50 klubaj membroj. Ili ricevas iujn subvenciojn de la loka urbestraro aŭ de alia instanco. Gastoj ĉiam estas bonvenaj. Ili mem pagas ĉion.

La loka E-klubo havas depost preskaŭ 20 jaroj ĝemelajn rilatojn kun la E-klubo en Chemnitz (D), kiuj daŭre bone funkcias.







Por la kongreso aperis memgluaj glumarkoj kune presitaj en folio:

1 bildo: etnografia muzeo kaj virino kun rozoj
2a mapo de Bulgario kun suno
2b mapo de Bulgario sen suno




La suba vico de la folio havas 7 nedatumitajn glumarkojn, kiuj havas la surpreson: *BULGARIO Turisma Lando*. La glumarko montras landkarton de la bulgara marbordo, du delfenojn, sidantan virinon kaj la kvinpintan stelon kun "E".

1 folio kun 21 glumarkoj kostas DM 2,-- plus afranko (DM 1,--). Mendojn bv. direktu al:

s-ano Gottfried Hofmann
Flemmingstr. 42

DE-09123 CHEMNITZ

(Li ankaŭ akceptas validajn neuzitajn germanajn postmarkojn)

*52-A KONGRESO DE SAT-AMIKARO 29-31-03-1997 EN LIMOGES (F)*

Nia kolektamiko Andre SADIER informas:




Dum majo 1996 aperis la kongresa glumarko por tiu kongreso. Tiu kongreso estas ligita kun "Infana Kongreso".
Sur la verda stelo en ruĝa koloro Limoges kun granda "L" kaj en blanka koloro Esperanto. La teksto estas nigra.
La folio havas 32 memgluelblajn markojn kaj kostas

15 FF plus afranko au 5 IRK kun afranko. Mendojn bv. direktu al;

SAT-AMIKARO 67 AVe. Gambetta F-75020 PARIS



## Trovita

Informoj de nia katalog-prilaboranto R.HIRSCH:
Lastatempe kolektiĝis ĉe mi glumarkoj el la lastaj jaroj, kiuj ĝis nun ne estas konataj. Mi katalogos ilin en la glm-parto: *TROVITA* en la suplemento 1997:



2



1



3



4



5



6

Ĉar mankas ankoraŭ detalaj informoj, mi nur listigas ilin. Kiu povas sendi al mi pliajn detalojn.

1 Regiona E-Kongreso en Languedoc-Roussillon, 09 05 1982, Ø 92 mm

2 Oser -38 (?) nov. 1982 en Omsk (SU), kroma enskribo: ESPERANTO SERVU PACON, olivkolora cirklo kaj terglobo, verda stelo, Ø 90 mm

3 30-jaroj E-klubo en Gliwice (PL) verda sur blanka, enskribo: Gliwice 1961-1991

4 28-a Landa Fervojista E-Renkontiĝo, Sátoraljaújhely (H) 1992.07 04, 45x37 mm

5 De la UK en Tampere 1995 aperis memglua brilstofa glm (?) kun la enskribo: 80-UK-TAMPERE -95, 0 45 mm

6 47-a IFEF-Kongreso en Pécs (H), 1995.05.18, verda sur blanka, mgl, Ø 45 mm

Esperantista Grupo de Boulogne - sur - Mer

CARTE POSTALE

Ce côté est exclusivement réservé à l'adresse

POŜTA KARTO

27 Bd Arago

Paris

Sub la prezido de Doktoro Zamenhof
1a Internacia Kongreso
en Boulogne-sur-Mer
(3-13 Aŭgusto 1905)

POŜTKARTO DE LA 1-A UK 1905 EN
BOOLOGNE SUR MAR (F)










SENDUNG ZU ERMÄSSIGTEM ENTGELT
ENVOI A TAXE REDUITE

James Rezendo Piton

Av.Joao Bat.M.do Canto 257/J2
BR-13030-210 Capinas Sp
Brasilien

ELF
AREK

Richard Hirsch
Lambertstr. 12
DE- 36251 Bad Hersfeld

# ĈETERAĴOJ

Pri la stampo de KRASNODAR (SU)

Nia AMOUROUX konsultis sian arkivan kartotekon kaj trovis materialon pri la afero en "HEROLDO DE ESPERANTO" de 16 dec. 1960. En ĝi estis artikoleto pri tiu afero:

*Esperanto ekspozicio en la rusa urbo Krasnodar bone sukcesis*
*"...oni decidis...en decembro organizi letervesperon...fari specialan stampilon kun Esperanto-teksto por stampi filatelajn unuatagajn kovertojn kaj PK..."* Tion skribis G.A. GALGANOV, samideano kaj prezidanto de la Krasnodara Filatelia Societo.

El la artikolo videblas, ke tiu stampo funkciis en poŝtejo, plej verŝajne la E-istoj uzis ĝin en sia decembra solena Zamenhof-kunveno. Do, ĝian perfektan poŝtan aspekton ĝi dankas al la filatela scio de tiu filatelisto GALGANOV. Tamen sub la artikolo estas la noto: "Laŭ raporto de G.A.G", do eble la redaktoro de "Heroldo" iom fuŝis en la filatela terminologio. Finfine ni ne scias kaj nur devas supozi: Nepoŝta.
Se vi ĝin havas, zorge konservu ĝin, eble aldonu slipon por viaj (niaj) posteuloj. "Supozeble nepoŝta lau LVL"

Rimarko de Hirsch: Al mi jam delonge estas klare, ke tiu stampo estas nepoŝta. Ekzemple: se oni bone rigardas al la bildo de la stampo, oni povas vidi la spurojn de la gumstampo.




*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=

Informilo de ELF-AREK (Esperanto-Ligo Filatelista * Amika Rondo de Esperantaj-Kolektantoj -
*Offizielles Organ der ArGe ESPERANTO (laborgrupo Esperanto de la germana) VdPh (Asocio de germanaj Filatelaj Laborgrupoj)*

---

Redaktoro: Rudolf Burmeister, Max-Müller-Str.62, DE-09123 CHEMNITZ

Prezidanto: Hermann Heiss, Lohstr. 42, DE-77704 OBERKIRCH

Kasisto: Rolf Beau, Saxoniastr.35, DE-04451 ALTHEN (nova adreso)

Bankoj: Sparkasse Leipzig: Konto-No.: 1 190 223 208
Bankkodo (BLZ): 860 555 92

Postbanko Nürnberg: Konto-No.: 036 6737-855
Bankkodo (BLZ): 760 100 85

UEA-konto: elfx-r

Kotizoj 1997: okcidentanoj: DM 30,-- (15 IRK)
orientanoj: DM 20,-- (10 IRK)

Stampobanko: Werner Heimlich, Fröbelstr. 4, DE-29614 SOLTAU

Kompostis, presis kaj ekspedis: Richard Hirsch, Lambertstr. 12, DE-36251 BAD HERSFELD